


Año IV (N.° 39)

Núm. 3

MARZO 1952

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## EN NOMBRE DE LA SENSATEZ, PRECISAMENTE...

**Cuando, con el correr de los tiempos, las gentes aprendan el Esperanto, de la misma manera que ahora se estudia contabilidad, taquigrafía o radiotécnica; esto es, porque así lo piden la lógica y las necesidades de la vida, algunos se pararán a considerar cuán grande fué la estulticia de tantas generaciones, no utilizando un precioso instrmento de comprensión, que pudo ahorrar tantas dificultades y tantos recelos.**

**Y ello será tanto más verdad cuanto que, ahora, en nuestra época, los esperantistas, que tan sufridamente soportan las burlas y conmiseraciones de los «sensatos», no pueden menos que considerar como notablemente atrasados a aquellos que, a estas alturas, no gozan de las ventajas que proporciona el idioma auxiliar internacional.**

**Tener amigos—verdaderos amigos—en los más apartados rincones del mundo, ya es una gran cosa. Poder conversar con ellos de igual a igual, sin afrentosas servidumbres, es mucho más. Llegar a tener, por medio del Esperanto, una ideología semejante, en lo social y filosófico, es ya una ventaja superlativa. Por eso, quien tiene la conciencia del pleno goce de esas extraordinarias ventajas, viene a considerar a los demás, poco más o menos, como considera el rico al pobre y el sano al enfermo, o, por lo menos, como categoriza un buen nadador a todo aquel que necesita calabazas para flotar.**

**Son muchos los que, conociendo más o menos los idiomas extranjeros, pueden entenderse con personas de otras naciones. En estas relaciones, siempre hay quien domina al interlocutor, por ser el idioma hablado el propio. Ello origina cierta humillación, por parte del menoscabado, y con tan afrentoso desnivel no puede establecerse una abierta corriente de fraternal equidad, entre ambos interlocutores, como ocurre entre esperantistas de diversos países. Aprender con suficiencia un idioma extranjero, cuesta muchos años de sacrificios. Aprender varios, cuesta media vida, en tiempo y sinsabores; y mientras tanto, no se atienden debidamente las exigencias profesionales, o se pierde la salud por haber sacrificado el sueño, la distracción y el descanso, en aras de una gramática indigesta. Y, por desgracia, unos meses de descuido hacen olvidar muchos años de labor.**

### RECOMENDACION OFICIAL SOBRE LA ENSEÑANZA DEL ESPERANTO EN ITALIA

«Roma – El Ministro de Instrucción Pública, profesor A. Segni, en circular núm. 12411, fechada el 21 de Febrero de 1952, dirigida a los inspectores provinciales de primero y segundo grado, recomienda una actitud favorable con el idioma auxiliar Esperanto y autoriza además que se faciliten locales en las escuelas públicas para los diversos cursos que se organicen»

**Despacho recibido de la Agencia periodística italiana «Stampa Internazionale» - Via P. Tommaso, 35 - TURIN**

**Cuando, con el triunfo de la lógica, se haga corriente el uso del Esperanto para las exigencias de las relaciones internacionales. Cuando se obtenga una información inequívoca, al preguntar en el idioma internacional a cualquier viandante, la dirección de un hotel. Cuando se pueda relacionar con toda naturalidad con agentes de tráfico, chófers, camareros, tenderos, etcétera, la masa civilizada considerará con horror la inconcebible eventualidad de tener que vivir sin la preciosa ayuda del idioma auxiliar, como ahora juzgaríamos descabellada la idea de vivir sin luz eléctrica, sin radio o sin Penicilina...**

**Por eso, nos parecen tan dignos de compasión los que, desconociendo las ventajas del Esperanto, recurren a los paños calientes de las traducciones múltiples, como aquellos que, en estos tiempos, desconociendo la Penicilina, aún recurren a las cataplasmas.**

**Esperanto estas nun logika solvo por la nobla aspiro paroli tutmonde!**

# LA INSULO DE ROBINSONO KRUSO



*El la Amerika Geografia Revuo de Bonaero, ĉefurbo de Argentina Respubliko*



**Tradukita el la hispana lingvo de C. NELSON - Dordrecht (Nederlando)**

Unu el la plej famaj terpecoj de la mondo estas sendube, malgraŭ sia malgrandeco, la insulo, kiu estis iama scenejo de la miraklaj aventuroj de Robinsono Kruso, la viro, kiu dum multe da jaroj, ne povante esti en rilatoj kun la civilizita mondo, per pacienco, sagaco kaj energio sukcesis krei propran civilizon. Tiu insulo apartenas al la insularo de Johano Fernández, kies insulgrupo estas posedaĵo de Ĉilio. Robinsono kaj lia insulo ne estas fruktoj de la fantazio de Daniel Defoe. Robinsono Kruso estas la personigo de la skota maristo Aleksandro Selkirk, kiu elŝipiĝis sur la insulon en la jaro 1704. kaj restadis kvin jarojn sur ĝi; post tiu tempo, la korsara kapitano Wood Rogers iris por preni lin en 1709.

La insulo estas la plej granda el la insulareto de Johano Fernández, situanta en la Pacifika Oceano. Oficiale ĝi nomiĝas *Más a Tierra*, sed ĝenerale ĝi estas konata sub la nomo de la tuta insularo, kiu estas Johano Fernández. Ĝi situas je ĉirkaŭ 667 kilometroj okcidente de la haveno de Valparaiso. Ofte la ŝipoj albordiĝas al la insulo, ĉar ĝi estas tre fekunda kaj abunda je trinkebla akvo; ĝi posedas bovojn, porkojn kaj manĝeblajn birdojn, ĉiajn legomojn kaj ankaŭ persikojn kaj aliajn bongustegajn fruktojn; kaj, fine, la golfeto bonfamas pro sia granda kvanto da fiŝoj. Kaj ĉio malgraŭ la fakto, ke la insulo apenaŭ havas ebenaĵojn; la nordokcidenta mezo konsistas el montaro kaj kelkaj valoj, preskaŭ ĉiuj kovritaj de arbaroj. La temperaturo estas tre agrabla, ĉar somere ĝi neniam ekscese plialtiĝas, kaj ankaŭ dum la vintro ĝi estas dolĉa; frostado estas nekonata tie. La sudokcidentaj ventegoj oftege blovas kaj lokalaj ventoj senkateniĝas kun forto en la valoj. Ankaŭ la pluvoj abundas, kaj eĉ dum la seka sezono la montpintoj estas kovritaj de densa kaj malalta nebulo. La insularo estis malkovrata en 1572. de la hispana maristo Johano Fernández, al kiu ĝi ŝuldas sian nomon, kaj kiu kalkulis ĝian ekziston antaŭ ol li venis al ĝi, sin bazante sur la aerfluoj observitaj super la marbordo de la kontinento, kio montras lian intelekton kaj rimarkindan spiriton. Malmulte da jaroj poste, alvenis jezuitaj misiistoj, kiuj tie fondis kolonion, kiun ili tamen ĉesigis en 1596, ĉar ili ĝin konsideris malutila. En 1615. la insulo estis vizitata de la aventuristo Schouten, kiu trovis ĝin forlasita de homaj estaĵoj, sed priloĝata de kaprinoj. En 1624 venis al la insulo la kapitano Cornelis de Witte, gvidanta la ŝiparon de Nassau. Je tiu okazo ses ŝipanoj estis propravole surbordigataj sur la insulon, kaj neniam poste oni ion sciis pri tiuj antaŭuloj de Robinsono Kruso.

Multe da jaroj poste, 24 viroj restadis longan tempon sur la insulo, kvankam malliber vole, post kiam la ŝipo «Speedwell», kiun ili ekipis, estis pereinta sur la marbordo de la insulo. Fine, la insulo fariĝis multkonata dum la unua mondmilito, ĉar la 14an de Marto 1915. ankris en ĝia golfeto la fama germana krozŝipo «Dresden», kiu poste estis eksplodata de sia ŝipanaro.

---

## INTERLINGVA PARALELO

**ORIGINALO**

**Todas las luces que en la noche se ven, tienen un alma, una pequeña alma microscópica y distinta: la luz de las ventanas de una casa remota, la luz de las estrellas altísimas...**

De una obra del genial y popular humorista español Wenceslao Fernández Flórez

**TRADUKO**

Ĉiuj lumoj, kiujn oni vidas en la nokto, havas animon, etan animon, mikroskopan kaj varian: la lumo de la fenestroj de malproksima domo, la lumo de la steloj altegaj...

El verko de la genia kaj populara hispana humoristo Wenceslao Fernandez Florez.

---

*ESPERANTO - KONGRES - VALSO estas la titolo de bonega muzika verko de la viena komponisto Peter Schwarz, kies vigla inspiro elverŝiĝis en ĉi tiu belsona kaj eleganta valso, laŭ takto de pompa muziko, adekvata al la medio de Esperanto-Kongreso. La partituro, por fortepiano, estas nun akirebla per 4 respondkupronoj ĉe S-ro Hans Steiner, Aŭgase, 42 Worgl, Tirolo (Aŭstrio). La enspezojn oni uzos por kovri la kostojn de la starigota Zamenhof-monumento en Worgl. Do, aĉetante la partituron, oni helpas indan entreprenon!*



# GENERALO JOZEFO PEROGORDO

## AKTIVA MALNOVA PIONIRO DE LA HISPANA ESPERANTISMO

Respondas ĝentile al kelkaj demandoj, kiujn ĵus ni faris al li por informo al niaj legantoj

*—Ĉu vi estas tiel afabla doni al niaj legantoj etan skizon pri via esperantisteco kaj pri viaj unuaj aktivecoj?*

Dum la jaro 1907ª mi eklernis Esperanton per la malgranda libreto de Th. Cart «Unuaj lecionoj de Esperanto» partoprenintc jam en la 3ª Universala Kongreso en Cambridge (Anglujo) kune kun S-ro Ayza, staba leŭtenanta kolonelo. En Edimburgh mi faris mian unuan paroladon en Esperanto; la dua okazis en la Centra Militista Kazino de Madrido, kie mi klarigis kurson. Ankaŭ mi ĉeestis en jenaj Universalaj Kongresoj: Dresden, Barcelono kaj Washington, kie mi estis oficiala reprezentanto de la hispana Registaro; pro tio, mi malfermis tiun de Barcelono. Poste, mi ankaŭ partoprenis en aliaj internaciaj renkontiĝoj.

*—Kion vi opinias pri la rolc de Esperanto?*

Pri tio, ankoraŭ nun, mi opinias tute same, kiel en la komenco de mia lernado. Dum la pasinta milito, Esperanto restis kvazaŭ senmova; sed nun, dank' al Dio, ĝi vigle moviĝas kaj bone progresas, kvankam ne tiom, kiom ni ĉiuj deziras.

*—Kion vi diras pri la propagando?*

La plej efika propagando, laŭ mia opinio, estas lernigi la lingvon kaj uzi ĝin, nature kaj normale, ĉiam kaj ĉie!

*—Ĉu vere Esperanto estas rimedo por vasta interkompreno de popolo al popolo?*

Jes, kompreneble, ĝi estas necesa ilo por intima interkonsento de la homaro, kaj por helpi ĉiujn klopodojn favorajn al la paco, ĉar al la antaŭaj respondoj mi povas aldoni, ke mi ĉiam konsilas la veran amon, ne nur inter samideanoj, sed ankaŭ inter ĉiuj homoj, por atingi la benon de agrabla internacia paco en trankvila vivado.

Restas nur por diri, ke mi admiras vian konstantan laboron. Tial, mi gratulas vin!

## ESPERANTISTAJ STUDENTOJ: ATENTU!

«Esperanto-Federacio de Danaj Altlernejanoj» estas juna asocio, sed ties laboro por Esperanto estas granda. En la jaroj 1950ª kaj 1951ª, dum la somero, ĝi organizis sukcesplene internacian arkeologian tendaron. Ankoraŭ antaŭen, en la jaro 1952ª ĝi aranĝas «Internacian Konferencon de Esperantistaj Studentoj kaj Altlernejanoj» por montri publike, ke Esperanto pli kaj pli disvastiĝas en universitataj rondoj. La Konferenco okazos de la 17ª ĝis la 24ª de Aŭgusto, uzante Esperanton, unuan fojon, kiel interkomprenilon por traktado de praktikaj studentaj problemoj kaj sciencaj temoj. Tiu grava kunveno okazos en Schluchsee (Germanio), ĉe la Nigra Arbaro, en ejo ĉirkaŭita per abio-arbaroj, apud lageto, je 50 kilometroj sude de universitata urbo Freiburg. La invito faris «Allgemeiner Studentenausschuss-Auslandsreferat der Universitat Freiburg» kaj «Germana Esperanto-Junularo»; krom interesaj traktotaj problemoj, oni prilaboras jam la fondiĝon de «Internacia Federacio de Esperantistaj Studentoj kaj Altlernejanoj». Interesatoj ricevos informojn (sendante respondkuponon) ĉe la adreso de Internacia Konferenco de Esperantistaj Studentoj kaj Altlernejanoj: Laksegade, 35 - KOBENHAVN K (Danlando).

*Antaŭ tri jaroj okazis en Viskadalen (Svedlando) internacia kurso pri la temo «Sveda socia strukturo». Tiu kurso estis tiel sukcesa, ke la Sveda Esperanto-Instituto decidis nun aranĝi novan internacian kurson pri la temo «La nuntempa Svedlando». Pro la kontentiga raporto pri la antaŭa kurso, la sveda registaro decidis asigni 4.000 kronojn por la aranĝo de tiu ĉi nova kurso, kiu okazos en la altlernejo Bohusgarden, apud Gotenburgo, dum la tempo 27. Julio— 2 Aŭg. La Instituto fiksis tiun daton por ebligi al la partoprenontoj de la Universala Kongreso, en Oslo, halti survoje en Bohusgarden, por ĉeesti tiun kurson. La prezo de la kurso estos 75 sv. kronoj, per kiu sumo la kursanoj ricevos, krom la instruadon, ankaŭ loĝon, manĝon kaj ekskurson al Gotenburgo kun vizito ĉe iu sveda grandfabriko. La kurson povas partopreni maksimume 25 personoj. Al kelkaj kursanoj la Instituto povas konsenti malpligrandigon de la kurskotizo, post prezentado de taŭgaj atestoj.*

*Petu informojn al Sveda Esperanto-Instituto: Sibyllegatan, 83 - Stockholm*

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

## FOR LA INTERNA IDEO!

**La opinioj, kiujn ni esprimas en ĉi tiu artikoleto, certe ŝokos multenombrajn legantojn, mense alkutimiĝintaj al la ŝablonaj propagandoj, kiuj, ekde la pratempo de Esperanto, rutine pezas sur la «Afero» aŭ «Movado». Mi ne reagos antaŭ respondoj. Mi ne celas polemikon. Mi nur volas pripensigi kaj atentigi la esperantistojn kaj diri mian vidpunkton. — V. B.**

Laŭ mia pli ol tridekjara sperto kaj ofta meditado, ESPERANTO estas afero stagnanta. Ĝi nek progresas nek malprogresas; ĝi vivaĉas. Kial? ĉar ni esperantistoj —ne nur la respondecaj instancoj sed la esperantistoj ĝenerale—havas malĝustan vidmanieron pri Esperanto; la saman, kiun havis siatempe la kreinto de la lingvo.

Ke D-ro Zamenhof havis alte noblan idealon, kaj ke ni ŝuldas al tiu fakto la posedon de lia utila kreitaĵo, tion mi ne kontestos. Sed, ke pro tio ni daŭre nomu lin «Majstro», en la senco morala de la vorto, tion mi malakceptas. Mi rifuzas aliĝi al tiuspeca Esperantismo...

Urĝas, efektive, elekti inter ILO kaj MISTIKO. Sufiĉe jam ni mallerte predikis Esperantistan Evangelion, pretendante, ke Esperanto egalas Pacon; ĉu ni ja serioze kredas, ke paroli saman lingvon kondukas al nepra interfratiĝo? Aŭ, ŝajne, per Esperanto-bapto mirakle ni katekizos la homojn por la Vero kaj la Bono?

Ni estu sinceraj por ni mem. Certe, la esperantistoj kun «interna ideo» venis al ni precipe pro ĝi, sendepende de la lingvo (eĉ se ili lernis ĝin!) Tamen, ĉiu povas kaj devas demandi al si, ĉu Esperanto igis lin pli bona ol li estis antaŭe. La bonuloj venas al Esperanto, ĉar ili estas tiaj: sed Esperanto plibonigas neniun.

Estas necese distingi *Esperanton* de *Esperantismo*. Dum la unua nur povas kaj nur rajtas esti lingvo, la dua fariĝis (aŭ ĉiam ĝi estis) Eklezio. Tial la Movado pli aspektas kvazaŭ kongregacio kun propraj ritoj ol publika afero, interesanta la mondon ĝenerale. Pri tio kulpas la esperantistoj, ne la indiferenta publiko.

Himno, Interna Ideo, Floraj Ludoj, Kongresaj Kunvenoj, Pacifismo k. t. p. ĉio ĉi tio logas certan nombron da idealistoj, inter kiuj ni varbas adeptojn pli por Esperantismo ol por Esperanto. Sed tiom longe, kiom ni ne konkeros *por la Lingvo* la aliĝon de praktikaj homoj (komercistoj, teknikistoj, sciencistoj, metiistoj, turistoj, instruistoj k. t. p.) Esperanto ne prosperos!

Tiuj homoj estas dinamikaj, agemaj, influhavaj, kun granda intereso por la sukceso de siaj entreprenoj. Se ni pruvus al ili la utilon de la praktika aplikado kaj uzado de Esperanto, por iliaj respektivaj celoj, ni farus grandan paŝon antaŭen. Sed ni ne parolu al ili pri Interna Ideo. Tio ne gravas por ili. Ili ne havas tempon.

Bedaŭrinde, ne la Idealoj sed Interesoj gvidadas la homojn kaj estras la mondon. Estu bonvenaj al ni la idealistoj. Sed ni ne trudu al la aliaj la Esperantismon, kiam ni simple proponas al ili racian parolilon.

Ni ne perdu nian tempon, kiel ĝis nun. Ni lasu ĉiun pensi laŭplaĉe pri mondorganizo, registarsistemo, politika reĝimo kaj sociordo. (Oni diros al mi, ke ni ja tion faras; ni respektas ĉies opiniojn tiurilate; sed ni konservas la Internan Ideon!). Se ni ne limigas nin al la propagando de la Lingvo, tiam *Occidental, Basic English* aŭ la Angla Lingvo, finfine, anstataŭos nin; kaj iu el ili alprenos de ni la lokon difinitan por Esperanto de antaŭ pli ol duonjarcento; loko, kiun ĝi meritas de lingva vidpunkto, la sola valoro vere interesa nuntempe.

Mondpacon, homan harmonion, k. c. ni povas defendi en aliaj apartaj grupoj. Por propagando de lingvo, tiuj argumentoj ofte estas maltaŭgaj, aŭ ne sufiĉe efikaj. Tio, kion faru la esperantistoj, por disvastigadi la lingvon, estu PAROLI ĝin, ELLERNI ĝin; perfektigadi sin en ĝia uzado. Ke en niaj vicoj estu malpli da *samideanoj* (mi ne ŝatas tiun vorton) kaj pli da kapablaj samlingvanoj. Multaj t. n. *samideanoj* masakras la lingvon: ĉar foje, oni renkontas varmajn apostolojn de Interna Ideo, kiuj, same varme, tute ne scipovas Esperanton.

Ni metu Esperanton je la servo de ĉiu homo, aŭ grupo da homoj, sen morala perfortigo por ke ili subskribu en ajna morala regularo de Majstro aŭ de Profeto. Ni montru al la publiko per frapaj ekzemploj, ke la Internacia Lingvo Esperanto permesas ŝpari monon, pliigi la profitojn, akceli la komercan trafikon, interŝanĝi pli facile ĉiuspecajn konojn, k. t. p. Materiaj faktoj, kiujn ĉiu komprenas, kaj kiuj favore impresas tiel la fakulojn, kiel la laikojn.

Multaj kontraŭdiros min, asertante, ke ili interesiĝas unuarange pri la Interna Ideo kaj dualoke pri la Lingvo. Se tiuj personoj devus nepre elekti, ili forlasus la lingvon senhezite, preferante la *moralan sencon,* kiun al la instrumento donis la aŭtoro. Ili iru do post la neatingebla *celo en gloro.* Miaflanke, kvankam fervora pacamanto kaj admiranto de la homaranaj sentoj de D-ro Zamenhof, mi dankas la elpensinton de la mirinda lingvo, kaj laŭte krias: For la Interna Ideo!

**Vilhelmo BOSCH (Valencio)**

## RESPONDE AL LA ARTIKOLO «ĈU NUR ESPERANTISMO?»

S-ano Eŭma iniciatas la novan rubrikon per vere polemika letero! Des pli bone...

Ĉar mi devas limigi la longon de mia kontribuo, mi respondos nur unu alineon el lia letero, nome: «Do, ni ne tiom multe devas bedaŭri forpason de literatura revuo, kiom tiu kun scienca, religia aŭ politika koloro. La homaro nuntempe estas tiel multe premita de malfacilaĵoj, ke nur malmultaj elektitaj personoj deziras sin distri per esperantaj senenhavaj belaĵoj».

Permesu, unue, citi opinion de la eminenta angla poeto T. S. Eliot: «Tiu popolo, kiu ĉesas prizorgi sian literaturan heredaĵon, fariĝas barbara; tiu popolo, kiu ĉesas produkti literaturon, ĉesas progresi laŭ pensmaniero kaj sentkapablo. La poezio de iu popolo ĉerpas sian vivon el la lingvo de la popolo kaj, siaflanke, redonas al ĝi vivon; kaj tio reprezentas la apogeon de ĝia konscio, ĝian plej grandan potencon kaj ĝian plej subtilan sentkapablon».

Tial, tiuj el ni, kiuj opinias, ke la esperantistoj formas «popolon» en tiu senco, ke ili havas komunajn lingvon, tradicion, celon kaj heredaĵon, kaj kiuj opinias ankoraŭ, ke Esperanto vivas kaj evoluas *nur* pro tio, ke ĝi estas la amata kaj en koro vartata lingvo de tia popolo, sen kies arda akcepto ĝi estus restinta aŭ fariĝus nur senviva kodo, ne povas ne funebri la malaperon de literatura gazeto, pli ol de aliaj; ĉar ni opinias, ke nia literaturo estas la vera gardanto de nia internacia kulturo. Ne estas koincido, ke popolleviĝoj kontraŭ subpremantoj estis oftege heroldataj per kreskanta *belliteratura* aktiveco, inter la subpremata tavolo, kaj ke poetoj tre ofte troviĝis inter la plej aktivaj revoluciemuloj! Tiaj poetoj kristaligis kaj donis formon al la aspiroj de la popolo: niaj poetoj faras ankaŭ tion! Eĉ laŭ tute «praktika» (ho, misuzata vorto!) vidpunkto, nia literaturo estas gravega. La plej ofte renkontata argumento kontraŭ nia lingvo estas, ke ĝi ne havas literaturon. Sola respondo al tio estas: havi literaturon.

S-ano Eŭma opinias, ke scienco, religio kaj politiko estas pli gravaj ol literaturo. Rilate la unuan kaj la trian el ili, oni povas diri, ke ĝisdate scienco kaj politiko pli malutilis al la mondo ol utilis. Tion ne kaŭzis la naturo mem de la scienco kaj la politiko, sed la senmorala kaj senrespondeca uzado de tiuj fakoj. La mondo saviĝos pere de scienco kaj politiko, nur se altiĝos la morala kaj etika flankoj de la homa konduto. Kaj la serioza literaturo estas unu el la plej gravaj rimedoj, per kiuj oni esploras la moralon kaj etikon. Kiel la sciencisto ekzamenas kaj esploras la fizikan konsiston de la universo, tiel la literaturisto kaj, precipe, la poeto esploras la moralan konsiston de la universo.

La graveco de la religio estas afero diskutebla, se per *religio* oni aludas tiun sintenon, kiu diras: «Nia sekto absolute pravas, ĉiuj aliaj malpravas». Verŝajne, la malaperon de religia gazeto bedaŭrus ĉefe tiuj, kiuj akceptis la dogmojn de la sekto ĝin eldoninta. Aliaj povus eĉ... ĝoji!

Cetere, ni ĉiuj devus bedaŭri malaperon de gazeto scienca, religia aŭ politika; sed tute ne malpli tiun de gazeto literatura, ĉar la literaturo estas almenaŭ samgrava kiel la aliaj nomitaj fakoj.

**W. AULD - Glasgow (Skotlando)**

## UN TRIUNFO INFORMATIVO DE NUESTRO BOLETIN

**Para los esperantistas, por lo menos, todo cuanto el diario de San Sebastián «La Voz de España» publicó como novedad, los días 19 y 20 del pasado Febrero, sobre la atrevida y emocionante Expedición Kon-Tiki del noruego Thar Heyerdahl, es ya viejo.**

**A poco de comenzar su lectura, y a pesar de no ser fuerte mi capacidad retentiva, me parecieron conocidos el motivo de la aventura, el nombre Kon-Tiki y los pasajes que se describen. Así, pues, interrumpí la lectura y pasé a examinar los números atrasados de nuestro Boletín, encontrando, en el correspondiente al mes de Mayo del año pasado, la amplia y bien detallada crítica de dicho libro, hecha por el redactor D. Luis Hernández, acerca de la estupenda traducción esperantista de esta obra tan amena e interesante.**

**Leí nuevamente esta misma crítica y la comparé con la de D. José M.ª Navaz en «La Voz de España»; después de esto, imparcialmente hablando, en la antedicha crónica del diario de la capital de nuestra provincia, no encuentro nada nuevo ni en su aspecto informativo, ni en cuanto a interés emotivo. Lo cierto es que, aparte la buena calidad literaria de ambos relatos, cuanto han leído ahora los lectores del diario de mayor difusión en el norte de la península, los esperantistas españoles ya lo habían leído hace ocho meses. Y si para el reporter significa un triunfo adelantarse tan sólo en algunas horas a un colega, la ventaja lograda por nuestro modesto Boletín es para sentirnos orgullosos, pues a nuestra mayor sencillez, tanto mayor es también el mérito alcanzado.**

**«Dadme la escuela y os daré el mundo que queráis». Esto leí, hace ya más de veinte años, en la portada de un libro y me pareció una gran verdad. Tengamos paz, y el Esperanto hará desaparecer las barreras lingüísticas, que dificultan la compenetración entre pueblos y naciones. Esto me parece otra gran verdad; y por creerlo así, soy un entusiasta esperantista.**

*SANTIAGO ARIZMENDI - Eibar (Guipúzcoa)*

MEZE DE AFRIKA ARBARO, EN LA HISPANA GVINEO, SONAS NIA LINGVO...

*En nia ĉarma insulo Fernando Poo, ĵus okazis la 4.ª Internacia Kongreso de Okcidentaj Afrikanistoj, kiun mi partoprenis kune kun 12 hispanaj, 5 portugalaj, 13 anglaj, 12 francaj kaj 1 ĉeĥoslovaka partoprenantoj. Jam en la komenco, kiam mi iris al Douala (ĉefurbo de la Franca Kameruno), por akcepti la vizitantojn, nome de la gubernestro, kun du aliaj hispanaj kongresanoj, forte mi deziris scii, ĉu inter ili troviĝas iu esperantisto. Dank' al mia facileco— Dio estu benata!—por paroli france kaj angle, mi sukcesis scii, ke la ĉeĥa kolego, kaj alia angla, estis samideanoj, kiuj sufiĉe bone parolis nian belan lingvon. De tiam, ordinare ni uzadis ĝin plezure parolante kaj babilante, kio vekis intereson pri nia mirinda interkomprenilo ĉe la ceteraj kongresanoj. Al kelkaj mi donacis iujn el miaj malmultaj esperantaj libroj, por ke oni ne forgesu pri la ekzisto de Esperanto. Kaj, denove, en la 5.ª Internacia Kongreso de Afrikanistoj, kiu okazos fine de venonta jaro 1953ª en Abidjan (Costa de Oro) ni povos daŭre zamenhofi, kiel ĵus mi povis. La impona arbaro aŭskultis la belajn sonojn de nia lingvo, kaj eĉ la birdetoj haltis en sia flugado por aŭskulti tiujn novajn sonojn, ĉar ankaŭ en la Hispana Gvineo brilas la verda steleto sur nigraj brustoj!...* Pastro **FELIKSO DE VALOIS ARANA**

Katolika Misio de Santa Isabel - Fernando Poo (Guinea Española) Afriko

# INTER LA PROZO DE LA ESPERANTISTA GAZETARO

Ĉio estas preta jam, en la scenejo de la naturo, por la nova prezentado. Ne sole ja nur en libera sovaĝa medio, sed ankaŭ en proletaj domoj kaj luksaj palacoj de urboj, oni akceptas plezure la unuajn karesojn de ĉi tiu floranta sezono, emblemo de Amoro en koloro de gloro. Oni forskuas la polvon de kurtenoj kaj matoj, kiujn oni gardas en la hejma arkivo de malvastaj mansardoj, kie musoj povos nesti kaj araneoj teksadi ĝis vintro... ĉar, kiam aperas la veluro de freŝaj folioj, ne plu jam utilas peltaĵoj nek dikaj surtutoj. Jes, la gaja Printempo, kiel periode revenanta akto, en la komedio de la vivo, postulas adekvatan dekoracion por povi petoli kaj ĵongli, per kontrastoj kaj diferencoj. Estas kurioze konstati, ke, kiam la arboj kovras sian nudecon, per verdaj garnaĵoj, tiam ĝuste la homoj plej ŝatas ekmontri la haŭton, sen pezaj kovraĵoj, antaŭ la strukturo kaj arkitekturo, pli aŭ malpli perfekta, de sia figuro. Malgraŭ la fakto, ke mia barbo longtempe brosas ĉi tiun temon, ankoraŭ mi ne sukcesis konkludi, ĉu la nuna bolado de sango, ĉe junulaj vejnoj, okazas pro difinita influo de la meteorologio aŭ pro incitanta efiko de la antaŭe dirita emo, kiun precipe la junaj virinoj tiel arte kaj lerte dorlotas...

Sed, personaj konsideroj pri la ĉarmaj urbaninoj estas ankaŭ stimulo por frandi pli intense ĉi tie, en fora izolejo, en koloroj kaj triloj, la alegreton, kiu furoras ja ĉie ĉirkaŭ mi, dum kviete kaj plaĉe mi legas kaj legas, por povi rakonti pri ĉiu interesa bildo en la kalejdoskopo de mia legado:

La vico venis denove al Oriento, kiu, por la esperantistoj, estas nek mistera nek fremda, sed pli bone konata ol por vulgaraj kaj gapaj turistoj el ekster niaj tendoj. MEDICINA REVUO prezidas hodiaŭ la delegitaron; ĝi estas sendependa diskutejo de tutmondaj medicinistoj, sed tiu scienca tribuno, kiun la japanaj kuracistoj-samideanoj prizorgas, estas fiero por nia tuta movado. La fidindaj nomoj de la redaktantoj, kaj la prestiĝo, kiun nia lingvo ĝuas en japanaj sciencaj rondoj, estas garantio por la nova kolego, kiun ĉiu kuracista samideano ne devas ne legi, ĉar plej interesaj estas la specialaj raportoj pri la «Keiraku» (Vivkanala Sistemo) en la Malnova Orienta Medicino, verkitaj mem de japanaj fakuloj. Kiel laiko en la temo, mi nur povas gratuli la eldonintojn, dezirante al ili sukceson, kiu estos sukceso por la tuta Movado. LA REVUO ORIENTA obstine kaj daŭre zorgas ne nur por disvastigi la lingvon, sed ankaŭ por ke ĝi estu funde konata kaj korekte uzata; la gramatikaj ekzercoj kaj artikoloj, en ĉi tiu gazeto, estas ekzemplo de klareco kaj logiko. Originala estas la kutimo prezenti en la kovrilo de ĉiu numero la frontpaĝon de unu esperanta gazeto; tio estas ja kvazaŭ grafika kompletigo de mia propra rubriko... SAMIDEANO ne haltas en siaj progresemaj pledoj, kiel organo de la Societo de Esperanto-Amikoj. Treege interesa estas la speciala numero, sub titolo de KAJERO SOCIA, pri la repaciĝo kun kolekto da zorge elektitaj opinioj de kompetentaj profesoroj. LA HEMOGLOBINO estas agrabla eldono de la samideanoj en la Medicina Fakultato de Niigata Universitato; la redaktoroj lerte scias aranĝi kaj distribui la materialon. Laŭ tio, serioza artikolo tre bone harmonias kun distra bonhumoraĵo; cetere, abundas la pure esperantaj temoj, pri diversaj aspektoj kaj flankoj de nia lingvo en Japanio. Antaŭ ol *spirite* forlasi la landon de la krizantemoj,

mi deziras diri miajn kutimajn, kaj ĉiam sincerajn, laŭdojn al OOMOTO, la plaĉa organo de Universala Homama Asocio, kiu same scias flegi la spiritajn studojn kiel la artajn elmontrojn. En la plej freŝa numero, troviĝas recenzo pri nova japana filmo kaj ne mankas la interesa rubriko «El Notlibro Esperantista». Bedaŭrinde, mi ne povas mencii ĉi-foje la ĉinajn kolegojn, ĉar jam de longa tempo mi ne ricevas ilin, kvankam la reklamoj kaj aludoj en ceteraj gazetoj pruvas, ke ili ne ĉesis aperi. Mi esperas, do, ke la rompita fadeno iel denove reordiĝos. Miaj pensoj *navigas* nun tra la sudaj maroj. NEW ZEALAND ESPERANTIST, la vigla gazeteto, min salutas per sia oportuna reklamo pri la pasintjara hispana kongreso. LA RONDO, pikema kaj plaĉa organo de la aŭstraliaj amikoj, posedas esceptan kvaliton: trakti plej diversajn aferojn tute detale kaj koncize, samtempe, sed ĉiam sukcese evitante la rifon ĝeni la leganton, eĉ por plej serioza temo, kiu tute ne hontas najbari kun oportuna spritaĵo. Malfacile oni trovos, en multe pli ampleksaj gazetoj, tiom da bona materialo en tiel reduktita spaco. Kiel kutime, post Aŭstralio ĉiam mi ŝatas *migri* al Ameriko, kie la bastionoj de nia idealo estas brave defendataj. AMERIKA ESPERANTISTO, kun dika kovrilo kaj bona papero, laŭ praktika usona maniero, svingas klarajn argumentojn en angla lingvo. Nur domaĝe, ke ĉi tiu kajero ne estas disvastigata, po kelkmiloj, en ĉiuj kulturaj centroj, kiujn la usona administracio subtenas en tiom multe da landoj. Mi transdonas la ideon al S-ro Solzbacher kaj ceteraj kunhelpantoj, sciante tamen pri la eterna financa baro, sed... volo estas povo! BRAZILA ESPERANTISTO, kiel reprezentanto de verve pasia popolo, malŝparas fervoron kaj entuziasmon tra belaj poezioj kaj artaj priskriboj. La esperantistoj el ĉiuj landoj devas turni sian atenton al tiu loge-ĉarma lando, ne ja nur por sopire memori pri bonega kafo, sed por lerni multe pri bonaj metodoj por antaŭenpuŝi nian lingvon en ĉiujn sociajn tavolojn. Pli sude, en la milda Argentinio, kie kunvivas tiom multe da rasoj ĉirkaŭ la akso de la hispana lingvo, ankaŭ Esperanto vivas kaj trabatas al si vojon antaŭen. Atestas pri tio la BULTENO de la centra organizo, kun aliaj periodaĵoj, kiel: LUMO de Bahia Blanca kaj tiu CRUZ DEL SUR de la Katolika Asocio, kiu laboras en pia fervoro.

Kaj, kvazaŭ ideala ponto de pureco, inter la orienta mistiko kaj la okcidenta moralo, aperas LA BUDHA LUMO, eldonata de kompetenta samideano Anagarika Anuruddha en modesta sveda urbo, kiu akiras pro tio rangon de universaleco. La enhavo, kun saĝaj instruoj kaj subtilaj konsideroj, raportas cetere pri aktualaj aspektoj kaj detaloj de tiu malnova doktrino. Tre oportune, por pravigi miajn vortojn, venas la laste aperinta kajero de LA PRAKTIKO, la bele bonega revuo de Universala Ligo, kiu delikate, inter tre ampleksa materialo, prezentas verseton de Sankta Francisko, al kiu apartenas jena linio: «Kie estas malamo, ni semu amon», kio, kvankam skribita antaŭ sep jarcentoj, utilas ankoraŭ por nun kaj por ĉiam.

Ombro de nubeto devigis min halti. Subita pluvo, en ĉi tiu momento, tamburas sur la tegmento, ĉar la ĉielo aspergas la vekiĝon de tiuj kreivaj fortoj, kiuj, dorminte jam la vintran dormon, bezonas nun malavare sin fordoni... La tero ŝprucigas akrajn parfumojn, tra la spirejo de siaj malfermitaj poroj, dum la suno grimacas, spite la falantajn gutojn, kiuj, fendante ĝiajn radiojn, brilas kiel oraj medaloj antaŭ la lacaj—jes, tro lacaj—okuloj de via servanto **LA LEGEMA KOBOLDETO**

## GRAVA INTERNACIA KONGRESO DE ADVOKATOJ EN MADRIDO

La Internacia Asocio de Advokatoj (International Bar Associaton) kongresos en Madrido, ĉefurbo de Hispanio, de la 15ª ĝis la 23ª de venonta Julio; la tabelo de pritraktotaj temoj estas treege interesa por ĉiu studema homo. Jen, do, ili: Honora Kodo por Advokatoj, Aera Juro, Konstitucio de UNO, Genocidio, Rajtoj de la Homo, Internaciaj Tribunaloj kaj Arbitracioj, Kontraktoj pri internaciaj kreditoj, Jura asistado al mizeraj personoj, Markoj de fabriko, Impostoj, k. t. p. Al ĉi tiuj temoj, kiuj, kvankam jam prilaboritaj en antaŭaj kongresoj, estos denove studitaj, oni aldonas jenajn: Internacia Kooperado por Administrado de Justeco, Familia Rajto, Juro por la maraj kaptaĵoj, Juro por la Trustoj, Rilatoj inter la Juĝa Povo kaj la Administrado, Internacia Ekonomia Kooperado kaj Jura Aspekto de la Internaciaj Financoj, Unuiĝo de la Juro, Krimoj kontraŭ la Paco kaj Sekureco de la Homaro, Fiska Juro Internacia kaj Verkistaj Rajtoj. La ĉeesto de esperantistaj advokatoj estus tre konvena por pledi pri la enkonduko de nia lingvo, eĉ uzante ĝin praktike, en raportoj pri la diritaj temoj, aŭ farante sugestojn kaj proponojn. Adreso: *Ilustre Colegio de Abogados de Madrid (España)* Por la Internacia Kongreso

BRIKO MALNOVA, EL ANTIKVA MURO, UTILAS POR VANDO EN NOVA KONSTRUO

## GASKONIAJ BOVINLUDOJ

Hispanio estas proksima; la influo de la tieaj taŭroludoj alvenas ĝis Gaskonio kaj la tuta sudokcidenta Francio. Tamen, ne eblas komparo inter ili; nur la ludejo estas sama. Ok aŭ dek bovinoj partoprenas en la ludo, unu post alia, tenataj per longa ŝnuro de manfortulo, kiu devas reteni la beston, okaze de danĝero por toreadoro. La ludantoj povas montri sian talenton diversmaniere. Tiu, kiu havas kuraĝon kaj viglajn krur-muskolojn, atendas ĝis la bovino malsuprenigas la kapon. Tiam, li metas unu piedon sur la frunton de la besto, kiu rapidmove leviĝas; kaj, dank' al tia impulso, li tre alte leviĝas super la bovinon kaj iras fali malantaŭ ĝi. La maltimemulo kuradas renkonte al la rapidiranta bovino; kaj, kiam la bruto estas sufiĉe proksima, li saltas super ĝin kaj trankvile alteriĝas 6-7 metrojn malantaŭe... Sed la rigardantoj preferas tiujn, kiuj trompas ĝin, saltante flanken, dekstre aŭ maldekstre. Tiuj kuroj estas tre danĝeraj, ĉar la ludanto estas sola kontraŭ la bovino. Tamen, la spektaklo estas iom monotona kaj neniel valoras la hispanajn *corridas.*

PIERRE ROYER

**Raportaĵeto, kiun ni ĉerpis el franca kolego** LA FOLIETO **organo de la junaj esperantistoj el la Pariza regiono.**

## Pri la Oficistino de S-ro KLEM

—Preskaŭ de antaŭ unu monato, mi ordonis al vi skribi leteron al mia kliento S-ro Fuimo, kaj tion vi ankoraŭ ne faris.

—Ho, senkulpigu min, S-ro Klem, sed tion mi forgesis...

—Nu, kion vi opinius, se mi forgesus pagi vian salajron ĉe la fino de la monato?

—Ne timu pri tio. Certe, mi ne atendus unu monaton por atentigi vin pri la forgeso.

## PRI LA HORLOĜO DE S-RO KLEM

S-ino Klem. —Ĉu estas deee veni je ĉi tiu horo?

S-ro Klem. —Nur estas la unua matene, kara edzineto.

S-ino Klem. —Grandega mensogulo! Nun mem la horloĝo jus sonis la trian.

S-ro Klem. —Ne, karulineto! Nun ja estas nur la unua, kvankam ŝajne la horloĝo ripetis la horon tri fojojn, por ke vi aŭdu ĝin pli bone...

EMILIO PRADES

## SFINKSA ANGULETO

### PSIKOLOGIA STUDO

**Laŭ kelkaj frazoj, oni povas dedukti la aĝon de la persono, kiu ilin diris - Ni prezentas nun ekzemplon pri la Vivo. Jen kvar personoj, kun aĝo de 18, 30, 45 kaj 65 jaroj respektive. Nu, temas diri laŭvice al kiu, el tiuj kvar aĝoj, apartenas la aŭtoro de ĉiu el la sekvantaj frazoj:**

1 — Jen la vivo!
2 — Ĉu, bela la vivo?
3 — Kiel bela la vivo!
4 — Kio estas la vivo?

**Por rajti al la premio, la solvoj devas alveni ĝis 25. Aprilo**

SOLVO DE LA **PARO DA ROMBOJ**
EN LA PASINTA NUMERO

```
    O              A
  O M O          A M A
O M B R O      A M A R A
  O R O          A R A
    O              A
```

**Noto.—Okazis eraro en la nomo de la kvara adjektivo, ĉar anstataŭ *metola* devus esti *kolektiva*.**

## RECEPTO POR FRANDEMULOJ:
## BULKETOJ DE ANĜELO

***Por kvin ovoj estas necesaj: 400 gramoj da sukero, raspitaĵoj de citronŝelo, iom da pulvoro el cinamo, eta kvanto da bikarbonato, ovoŝelo da fritita kaj malvarma oleo po ovo, kaj unu ovoŝelo kaj duono da blanka vino, por la tuto, kun faruno laŭ necesa kvanto, eĉ se pli ol unu kilogramo.***

***Oni kirlas la sukeron kun la ovoj; oni aldonas iom post iom ĉion ceteran, kaj daŭre oni knedas la paston, dividante ĝin poste je malgrandaj partoj, al kiuj oni donas rondan formon, kaj oni premas sur ili per kulero, por fari kvazaŭ cizelitajn ornamaĵojn. Poste, oni fritas la bulketojn en abunda oleo.***

**Manuela Gallardo Gómez** (Madrido)

*Oni ne devas paroli pri sia kuraĝo, se oni neniam troviĝis en danĝero.*
ROCHEFOUCAULD

«Alia ornamaĵo de la Esperanto-gazetaro estas la hispana BOLETIN, kies kompostisto fervore kunlaboras por doni al la bona enhavo vere juvelan aspekton. Ni envias tiun gazeton!»

El la Januara-Februara numero de la sveda kolego SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN.

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● BRASIL.—Por acuerdo del Ayuntamiento de la ciudad de Recife (Pernambuco), del 3 de noviembre de 1951, coincidiendo con el 13.° Congreso Brasileño de Esperanto, ha sido rotulada recientemente con el nombre de «Rua Esperanto» una vía de las recién urbanizadas en Parque Capibaribe, de la isla de Leite (Barrio Boa Vista). Ya existen en las siguientes ciudades del Brasil, calles dedicadas al idioma auxiliar: en Río de Janeiro, Aracaju, Salvador, Joao Pessoa y Belo Horizonte con el nombre «Rua Esperanto»; y en Río de Janeiro y Porto Alegre, dos vías muy céntricas con el nombre «Rua Zamenhof».

● NORUEGA.—Su Alteza Real el Príncipe heredero Olav ha aceptado complacido patrocinar el 37ª Congreso Universal de Esperanto, que tendrá lugar en Oslo, en los días 2 al 9 de Agosto del presente año. «Oslo, la ŝlosilo al Norvegujo» es un folleto en Esperanto, presentando la ciudad escandinava, que ha de ser escenario de la reunión internacional esperantista, como lo ha sido últimamente de los Juegos Olímpicos de Invierno.

Con anterioridad a dicho Congreso, tendrá lugar, del 25 de Julio al 1 de Agosto, «Internaciaj Feriaj Kursoj» en Helsingor (Dinamarca), la ciudad de Hamlet.

● HOLANDA.—El día 6 de Febrero, el Ministro de Instrucción, Artes y Ciencias, señor F. J. Th. Rutten, declaró en la Cámara que está preparando una reforma de la Ley de Enseñanza Primaria, que permitirá la instrucción (con carácter voluntario, provisionalmente) del Esperanto en todas las escuelas graduadas del país.

Ya hace tiempo que en las Escuelas Normales holandesas se enseña la lengua auxiliar como asignatura voluntaria, medida preparatoria de la reforma anunciada por cuanto ha permitido la formación de un conjunto de buenos maestros, conocedores del Esperanto.

En la Escuela Superior de Delf, el señor W. P. Roelofs ha presentado su tesis «Estudio crítico y econométrico sobre el Crédito Social», para doctorarse en Ciencias Económicas; esta tesis ha sido presentada en dos idiomas: inglés y Esperanto.

● SARRE.—Los discursos del primer Ministro, señor J. Hoffman, y del Presidente del Parlamento, señor P. Zimmermann, han sido editados en Esperanto por la Oficina de Información del Gobierno autónomo, a fin de poder difundirlos en el extranjero.

● AUSTRIA.—En Viena, el Consejo Municipal de Educación ha acordado autorizar, por disposición del 7 de Noviembre de 1951, charlas informativas sobre Esperanto, como idioma neutral para las relaciones internacionales, en todas las Escuelas Normales de la ciudad.

● ITALIA.—Durante el «Congreso Mundial para el Apostolado de los laicos», se trató el problema de una lengua común de intercomprensión entre todos los países de idioma diferente, problema base de capital importancia en cualquier actividad internacional.

Se desistió del empleo de uno de los idiomas europeos por el recelo que supone para los no elegidos; en cuanto al latín, se estimó posee una gramática complicada y un vocabulario arcaico, difícil de amoldar en los tiempos actuales. Finalmente, el Padre Roschini habló sobre el fácil y neutral Esperanto, citando las palabras de Su Santidad el Beato Pio X: «Yo observo el Esperanto como un instrumento valioso, para guardar la unidad de los católicos de todo el mundo». Confiemos que la verdad indiscutible venza los prejuicios nacionales.

● YUGOSLAVIA.—En la Universidad de Agram, para los estudiantes de las Facultades de Medicina y de Farmacia, existe organizada una «Sección de Relaciones Internacionales», con vistas al intercambio cultural de sus ramas científicas con estudiantes de otros países. Esta Sección comprende una Oficina que emplea el Esperanto, como vehículo de relación.

● COREA.—En las Universidades de Chunggu y Taegu se ha implantado la enseñanza obligatoria del Esperanto para los numerosos estudiantes asistentes a ellas.

● JAPON.—Se está llevando a cabo por «Studenta Esperanto-Grupo» de la Universidad de Osaka la traducción, al idioma auxiliar, del tratado del doctor Tomonaya «Mecánica del quantum». Esta es una de las tantas muestras que aquel país asiático da al mundo de la utilidad que a la ciencia y difusión del saber humano presta este idioma.

---

**La lógica y el sentido común será lo que triunfará con el Esperanto**

## HISPANA KRONIKO

**SAN SEBASTIAN.** — En ĉi tiu alloga urbo, mondfame konata kiel somera restadejo por internaciaj turistoj, ĵus fondiĝis esperantista grupo interne de la Baska Sporta Klubo, kiu mem aliĝis al nia Federacio, kiel subtenanta kolektiva membro. La animo de tiu promesplena laborado estas nia kara amiko Julio Salgado, kies juneco, paralele kun lia fervoro, obligas disvastigi nian idealon inter gejunulaj rondoj. Jam funkcias kurso, kaj eĉ kelkaj lernantoj jam anoncis sian ĉeeston en nia proksima Kongreso, kie certe ilia optimismo efikos agrable kaj fruktodone. Baska Sporta Klubo—str. Dr. Delgado, 1 (Migueltxo) San Sebastián—salutas ĉiujn samideanojn, atendante ilian viziton ĉe la nova hejmo de la Guipuzkoa esperantistaro.

**MADRIDO.**—En du tute malsamaj asocioj funkcias kursoj, kun plene disvolviĝanta sukceso: en la Vegetarana Societo, sub gvidado de samideano Flores Pérez, pro malsano de S-ro Santamarina, kun dekkvin lernantoj, kaj en la Nacia Organizo por Blinduloj, sub gvido de S-ro Saul Orea; ĉiuj blindaj gelernantoj estas aktivaj kaj diligentaj propagandistoj de nia afero inter la ceteraj samsortuloj.

**VALENCIO.**—La ekskursema kaj naturamika rondo *Penya Drac Alat* komencis aperigi serion da lecionoj de Esperanto, per korespondado, inter siaj membroj. Nia sperta samideano F. Sanfeliz gvidas kaj redaktas specon de bulteneto, kie troviĝas la diritaj lecionoj, krom ekzercaro, belaj desegnaĵoj kaj korespond-anoncetoj. Dum la ekskursoj, oni klarigas dubojn al la lernantoj kaj oni praktikas la lingvon. Cetere, amiko Sanfeliz jam klopodas pri la starigota tendaro, en bela kaj konvena loko, proksime de la urbo, por la naturamikoj, kiuj ĉeestos en nia landa Kongreso.

**TABERNES DE VALLDIGNA.** — La obstina agado de samideano Salvador Martínez jam burĝonis! En la pasinta monato fondiĝis la Grupo Digna-Valo, kie belaj knabinoj, apud fervoraj junuloj, sekvas la gramatikajn klarigojn por trafi rekordon en sia korespondado tra la tuta mondo. Elstara membro de la nova Grupo estas la sekretario de la urba konsilantaro. La relativa proksimeco de Valencio obligas oftajn vizitojn kaj rilatojn, inter la Estraro kaj la lokaj gvidantoj, por komuna utilo.

# Ricevitaj Libroj

**LA HUNDO KRUSO** de R. M. Ballantyne, el la angla lingvo tradukis J. M. Inman. Eldonita de «The Esperanto Publishing Company Ltd.» Rickmansworth (Anglujo) 18 x 12 cm. 150 paĝoj. Prezo 3 ŝil. plus 3 p. por afranko. Aĉetebla ĉe kutima enlanda librcservo aŭ ĉe U. E. A.

La originala verko estis eldonata en la jaro 1860. En ĝi la aŭtoro pritraktas la aventurojn, kiujn travivis antaŭ cent jaroj tri ĉasistoj kaj lerta hundo en Norda Dakota (Usono). Kun la tradukinto mi volas kredi, ke la aŭtoro intime konis multe da indianoj; sed la epizodoj, kiujn li priskribas, estas tiel strangaj ke oni permesas al si dubi, ĉu vere la rakonto estas historie valora.

Oni povas resumi la aventurojn de la hundo Kruso, heroo de la rakonto, laŭ jena maniero: Naskiĝis kvin hundidoj; ili ĉiuj falis en riveron. Nur unu ne dronis, Kruso, ĝi estis savata de sia patrino. Nelonge post tio, indianino kaptis ĝin per ĝia malantaŭa kruro; ŝi batis ĝin kruele kaj tenis ĝin super fajro por forbruligi la harojn. Rik forprenis ĝin el la manoj de la indianino; kaj, post kelkaj semajnoj, ĝi denove fartis bone. Kun Rik, ĝi fariĝis taŭga ĉashundo, neniam atendante duan ordonon. Antaŭ ol rampi en arbaron Rik ordonas: «Haltu ĉi tie, kaj tenu mian ĉevalon!» La hundo kaptas la ekstremon de la kondukilo kaj kuŝiĝas, observante sian mastron. Post kelka tempo, Rik fajfas akre; Kruso, aŭdinte tion, saltas al la piedoj de la ĉevalo, kiu timas kaj rapidas for, dum Kruso zorge portas la kondukilon. Tio sufiĉas por pruvi la inteligentecon de nia heroo, sed Kruso ankoraŭ mirigos nin per aliaj eksterordinaraj faroj. Mi ja scias, ke New-Founlandaj hundoj estas tre inteligentaj; sed tio, ke Kruso estis tiel lerta, ne estas facile kredebla. Cetere, mi demandas al mi, ĉu en la angla literaturo ne estas aliaj pli interesaj verkoj, kiujn oni traduku en Esperanton.

Eble pro tio, ke la tradukinto tro multe penadis por alproksimiĝi, kiel eble plej multe, al la malgrandaj nuancoj de la angla lingvo, li trouzas kunmetitajn vortojn, kiuj pezigas la stilon kaj malfaciligas la komprenon: defaligi (faligi) la objekton; kiu alportis (portis); ni iros ekrigardi (por rigardi) ĝin; oni atakas blindule (blinde); ĝojeco (ĝojo), forteco (forto); malparolema (silentema); strigo ridus vidi (vidante); plen(igit)aj de arboj k. t. p. Ĉu vere antaŭ, malantaŭ kaj apud ne sufiĉas, anstataŭ: antaŭe, malantaŭe kaj apude *de*? La tradukinto ne diferencigas la signifon de *post* kaj *malantaŭ*. Post la verbo *esti*, kun subjekto, oni devas uzi la adjektivan, ne la adverban formon. S-ro Inman ankaŭ ne ĉiam observas la diferencon inter la pasiva participo de estanteco kaj tiu de estinteco. *Da* kaj *de* estas ofte erare uzitaj: krusto *da* neĝo; raso *da* ĉevaloj; kelke *de* pecoj; multe *de* monatoj; ĉu eraroj aŭ preseraroj? ĉar kelkajn pli evidentajn preserarojn mi ankaŭ notis. Cetere, la libro estas bone prizorgita: bona papero, klara preso kaj oportuna poŝformato donas ateston, ke ĝi povas plaĉi al multaj legantoj; sed ĝi ne taŭgas, kiel unua legolibro, pro la diversaj mankoj menciitaj.

**J. JACOBS**

---

**MODESTA BUKEDO.** Prozo kaj poemoj, originalaj kaj tradukitaj de Karl Jost en Zürich (Svislando) 15 x 12 cm. 79 paĝoj. Prezo 6 steloj (1'50 ned. guld.) Akirebla ĉe Internacia Esperanto Instituto, Riouwstr. 172, Den Haag (Nederlando)

La titolo mem de ĉi tiu agrable impresanta libreto jam vekas simpation, kiu fariĝas pli granda, kiam oni scias, ke la eldono estas farita de la aŭtoro por la memoro de ties edzino, mortinta en 1948.

La tuta verketo estas speco de malgranda krestomatio, sub loga formo, kiu bone taŭgas por ludi tian rolon en leterveseroj aŭ festetoj. Kelkaj originalaj poemoj pruvas, ke, malantaŭ la modesteco de la aŭtoro, la muzoj rendevuis por inspire lin dorloti. Ne malmultaj el la tekstoj, kiuj vicas en la enhavo-tabelo, povus porti tute digne, kiel subskribon, la nomojn de plej eminentaj verkistoj kaj elstaraj poetoj el la oraj registroj de la esperantista Parnaso.

Aparta kaj alta kvalito de ĉi tiu volumeto estas la efektiva sindonemo de ĝia aŭtoro, kiu donacis la tutan eldonon al la kaso de Universala Ligo, laŭ rekta profito. En la nuna epoko, kiam la ŝarĝo de triviala avideco al materiaj gajnoj ĉie premas kaj influas, la spirite eleganta gesto de S-ro Jost, honora membro de Svisa Esperanto-Asocio, duobligas la meritojn de tiu delikata poeto, kiu tiel same scias fari poezion per poluritaj vortoj, kiel per konkretaj agoj.

La lingvo estas flua kaj simpla, pure fundamenta; tial, facile komprenebla jam de progresantaj lernantoj. Agrabla aranĝo tipografia, kaj plaĉa salmokolora kovrilo, plivalorigas la rekomendon akiri tiun ĉi freŝan specimenon, kiun ĵus liveris la svisa esperantismo.

**LUIS HERNANDEZ.**

# ☆ LA LERNEJO

**PRILINGVA RUBRIKO**

Mi petas pardonon al kara samideano Dario Rodriguez pro la granda prokrasto respondi lian demandon, rilate la akuzativon; sed mi devas klarigi al li, ke ĉi tiu rubriko ne aperis en Februaro pro manko de loko. Jes, se la substantivo estas en akuzativo, ankaŭ la adjektivo, kiu ĝin kvalifikas, estas en la sama kazo; do oni devas finigi ĝin per la akuzativa N: *Mi dezirus ricevi gazetojn studentajn.* Ankaŭ post SED oni devas signi la akuzativon per tiu N: *Ni ne deziras ricevi tiujn diskojn, sed aliajn malsamajn.* En kelkaj tre preeizaj kazoj, oni nepre ne devas meti la N: «La knabo desegnis la ĉevalon granda» kio, kiel vi facile povas kompreni, ne estas same ol «la knabo desegnis la ĉevalon grandan». En la unua kazo la knabo desegnis ĉevalon —ne gravas ĉu ĝi estis granda— sed la desegnita ĉevalo sur la desegnaĵo estis granda. En la dua kazo la ĉevalo, kiun li desegnis, estis granda, kaj eble la desegnaĵo estis malgranda. Fartu bone!

**JUAN BOSCH.**

## CONGRESOS DE ESPERANTO

Jarkunveno de Dana Laborista Esperanto - Asocio Días 10 y 11 de Mayo ĉe S-ro M. Jacobsen Rydersvej, 9 AARHUS (Dinamarca)

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a MARZO 1952)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 1.278 | Ptas. |
| José E. Pedraz - Madrid | 25 | » |
| Santiago Arizmendi - Eibar | 5 | » |
| Elsa Wolff - Santa Cruz | 10 | » |
| Esperanto-Grupo de Sabadell | 40 | » |
| José Pinell - Sabadell | 5 | » |
| Francisco Roglá - Valencia | 7 | » |
| Jaime Maset - Perelada | 5 | » |
| Jaime Guillomía - Barcelona | 10 | » |
| Jaime Miró - Barcelona | 10 | » |
| Un Redactor | 12 | » |
| Pedro Parra - San Jaime | 40 | » |
| Pedro Marqueta - Zaragoza | 10 | » |
| Mariano Pinilla - Zaragoza | 10 | » |
| Pedro Maldonado - Aguilas | 10 | » |
| Ramón Molera - Moyá | 10 | » |
| Manuel Vives - Moyá | 10 | » |
| Martín Vallés - Sabadell | 5 | » |
| Gesinjoroj Jacobs - Antwerpen | 100 | » |
| Blanche Geers - Antwerpen | 100 | » |
| Dionisio Dopico - La Coruña | 10 | » |
| Rafael Herrero - Valencia | 10 | » |
| Jaime Juan Forné - Valencia | 5 | » |
| Juan Bosch - Valencia | 5 | » |
| Salvador Gumá - Reus | 10 | » |
| Total | 1.742 | » |

*¡Muchas gracias a todos... y adelante!*



## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

Pedro Maldonado, strato Floridablanca 18, AGUILAS (Murcia) Hispanio. deziras koresp. pri diversaj temoj, precipe komercaj

Internacia Esperantista Koresponda Servo faciligas internaciajn rilatojn, pere de Esperanto. Simpla enskribo tute senpage. Aliĝo, kune kun sendo de adresoj de korespondemuloj, nur tri respondkuponojn. Informu pri aĝo, profesio kaj deziroj al S-ro R. Melo, MEYLIEU, ap. Montrond les Bains, Loire (Francio)

Belga esperantista sacerdoto, kiu ĉeestos en la Eŭkaristia Kongreso, dez. koresp. kun hispanaj samideanoj por eventuala renkontiĝo en Barcelono. Skribu al: C. van Hoogstraten, subparoĥestro, Kapelstraat, 15 — Eisden (Belgio)

Kiu esperantis(in)o intencas pasigi sian libertempon (10-14 tagojn) en Hispanio kaj viziti la landan Kongreson en Valencia fine de Julio 1952? Skribu al: F-ino W. v. Baalen. Bergweg, 217 b. - Rotterdam (Nederlando)

S-ro Hiroshi Ukino, 34 Ikuta, Sanlanda, Amagasaki City (Japanio) deziras koresp. kun hispanaj gesamideanoj.

La Esperanta Koresponda Grupo: 260, Oka - Shinmachi Hirakata - City (Osaka) (Japanio), serĉas hispanajn gemikojn.

Helpu la ESPERANTO-MOVADON en Hispanio!

Por propaganda ekspozicio, ni bezonas ĉiajn esperantaĵojn: librojn, broŝurojn, salutkartojn (prefere bil lianke kaj filatele afrankitajn), afiŝojn. k. t. p. Ni respondos al ĉiuj! Adreso: Esperanto - Ekspozicio. Str. Forn, 19 MOYA (Barcelona) - Hispanio

PERIS-G. V. MARQUÉS DEL TURIA, 28-VALENCIA